Marto

# Argentina E-Vento

11-a jaro
n-ro 25
2006 [1]

Oficiala organo de Argentina Esperanto-Ligo

## Jarasembleo de AEL

11-an de februaro 2006

Kiel anoncite en la oficiala invitilo, okazis en Bonaero la Jarasembleo de AEL.
*Pliaj informoj sur p. 5*




## Asamblea Anual de AEL

Sábado 11 de febrero de 2006

En la sede de *Bonaera E-Asocio,* Paraguay 2357,
Ciudad Autónoma de Buenos Aires,
y tal lo anunciado oportunamente en la Convocatoria,
tuvo lugar la Asamblea Anual de la Liga Argentina de Esperanto,
la organización oficial del movimiento esperantista argentino.

*Más información en página 5*

# Argentina E-Vento

11-a jaro n-ro 25 2006 [1]
Oficiala organo de
Argentina Esperanto-Ligo
[Argentina Esperantisto 1917-1995]
Aperas kvaronjare/Trimestral



**Redaktoro** -ekde 1996-
Rubén T. Diaconu Tkachenco
Calles 119 y 122
AR-H3700FTT Pres. R. Sáenz Peña
Argentino

E-mail: rubendiaconu@yahoo.com.ar

**Kunlaboranto / reviziianto:**
Rubén Sánchez
<esperanto@neunet.com.ar>


Pri la subskribitaj artikoloj respondecas iliaj aŭtoroj kaj ne ĉiam ĝi respegulas la opinion de AEL aŭ de la Redaktoro


**Argentina Esperanto-Ligo**
Fondita la 12-an de aprilo 1941
Re-fondita surbaze de AEL-AEA
la 9-an de decembro 1995
TTT-ejo: **www.ael.esperanto.org.ar**


*

Se vi deziras kunlabori por la eldono kaj dissendo de ĉi-tiu revuo, vian monkontribuon estos bonvena.
Vd. p. 11

*

# Enhavo



# El la Redaktejo

*Karaj legantoj:*

*Estas plezure, post 10 jaroj da sinsekva informado, daŭrigi nian E-agadon pere de Argentina E-Vento, revuo kiu de 1995 anstataŭis al Argentina Esperantisto [1917], kaj tiel akompanante la tutan ekzistadon de la argentina E-movado dekomence de la 20-a jarcento.*

*Do, en ĉi-tiu numero vi legos plurajn E-novaĵojn, precipe pri la Jarasembleo 2006.*

*Bonan legadon!*

*Via redaktoro*

# Novedades del esperanto y su entorno

*AEL y el esperanto se han visto reflejados en diversos medios de comunicación, tanto en nuestro país como en el exterior.*

♦ *Clarín* [Buenos Aires]

"CULTURA

**EL PRIMER Y UNICO IDIOMA INTERNACIONAL CUMPLE 118 AÑOS**

*En tiempos de globalización, el esperanto busca sobrevivir."*

Con estos titulares, el 22 de diciembre de 2005, apareció en la sección "CULTURA", pág, 68, del diario *Clarín*, un extenso artículo sobre el esperanto y su difusión en Argentina y el mundo. En primer lugar es digno de destacar que un diario tan prestigioso y de tan extensa distribución haya dedicado casi toda una página a la lengua internacional y a la entidad que difunde y representa al esperanto en nuestro país. Por supuesto que, en el estilo que acostumbran utilizar los periodistas, algunos de los conceptos vertidos no son exactos, pero en definitivas es preferible que hayan publicado el artículo y que los lectores, que sabemos se cuentan por miles dentro y fuera de Argentina, al menos sepan que en nuestro país existen asociaciones como AEL, BEA y otras, que difunden el esperanto.

♦ *La Ondo de Esperanto* [Rusia]

"Sukcesa relanĉo de Esperanto" Con este titular, en la revista *"La Ondo de Esperanto",* N° 12: 2005, página 9, apareció, además de una foto de los participantes, un detallado informe sobre el stand de esperanto en la *Expo Educativa 2006*. [Vea el informe sobre la "Expo" en *Argentina E-Vento* N° 24]

*"La Ondo de Esperanto"* es una revista mensual, de distribución internacional, que se edita en Rusia, en idioma esperanto. Su objetivo es difundir temas socioculturales y noticias sobre las actividades más sobresalientes relacionadas con el esperanto tanto en Rusia como en el resto del mundo. Por tal motivo es una gran satisfacción que nuestra actividad se haya reflejado en sus páginas.

♦ *Primera Línea* [Chaco]

En el diario provincial chaqueño *Primera Línea*, sección "Sáenz Peña" pág. 4, del 16 de diciembre de 2005, apareció un artículo con relación al Encuentro de Confraternidad que con motivo del Día del Esperanto realizó el ***Saenzpenja E-Klubo***.

♦ *Norte* [Córdoba]

Con motivo del Día del Esperanto, varios periódicos de esa mediterránea ciudad publicaron artículos sobre el esperanto. Entre ellos podemos destacar a NORTE, diciembre 2005, sección "Interés General", con el artículo *"Esperanto, una lengua de 118 años. Este idioma, no tan difundido, data de 1887 y cuenta con gran cantidad de adeptos"*. Acompaña la nota una foto de esperantistas argentinos ante la sede de *Bonaera E-Asocio*, Buenos Aires.

♦ *Heroldo de Esperanto* [Suiza]

En *Heroldo de Esperanto*, N° 2079, [15:2005], página 2, [gaceta trisemanal que se edita en Suiza y se distribuye internacionalmente], se publicó un =>

# Un argentino en Australia

En el mes de enero de 2006, el Prof. Atilio Orellana Rojas, viajó a Australia para dirigir el *21º Curso de Esperanto de Verano* de AEA, [*Asociación Australiana de Esperanto]*.

http://www.esperanto.org.au

Este curso de verano, es tradicional en Australia y todos los años cuenta con un numeroso alumnado, y se realiza en una ciudad diferente. Este año el curso se ha desarrollado en el *Kianinny Resort - Tathra, NSW.*

Luego del curso la asociación realiza su asamblea anual, este año en Victoria City. En la página web de la asociación puede leerse la revista "*Esperanto sub la suda Kruco",* en sistema PDF. La página está en ingles y esperanto.

En una radio multilingue de Australia hay también un programa semanal en esperanto, los días lunes, que se escucha en todo el continente, difundiendo información también del portal *Ĝangalo.* El programa puede escucharse en internet http://www.3zzz.com.au/
http://www.radioarkivo.org/

Brindamos toda esta información, ya que el Prof. Atilio Orellana Rojas, nació en Santiago del Estero y es Licenciado en Filología Clásica, en la Universidad Nacional de Córdoba y es también miembro de AEL. Reside desde hace 15 años, en Europa y ahora es Director de IEI, [Instituto Internacional de Esperanto], en La Haya, Holanda.



Dedicado profesionalmente a la enseñanza del esperanto, el Prof. Orellana Rojas es considerado un experto en el método "Cseh", para la enseñanza de este idioma.

Como instructor ya ha dado la vuelta al mundo varias veces dando cursos, auspiciados oficialmente por UEA. Fue uno de los promotores del programa "Diálogos Indígenas". Habla kechua, ruso y varios idiomas europeos.

*RoSar*

---

<= artículo sobre la expansión alcanzada recientemente por el canal en Esperanto ITV, *"Internacia Televido".* Ilustra el artículo una foto de Roberto Sartor y Flavio Rebelo, el director del canal ITV y del portal *Gxangalo*, durante la visita que éste realizara a Buenos Aires el año pasado.

## Rock en esperanto

"Amigos
de la música en esperanto:
En este link
http://www.rogerborges.com/
se puede escuchar música
moderna con letras en esperanto
y en diversos estilos, la mayor
parte bailables. Me parece que
puede ayudar para difundir
nuestra lengua entre los
más jóvenes".

***<agrelot@gmail.com>***

# AEL-Informas



*[Laŭ informo de la sekretario]*

## Jarasembleo de AEL okazis en Buenos Aires

*[Esperanta traduko]*

Kiel anoncite, sabate, la 11-an de februaro okazis la Jaran Asembleon de AEL en la sidejo de Bonaera E-Asocio.

Unue estis legita mesaĝon de UEA-prezidanto Renato Corsetti speciale por la argentina esperantistaro. Sekve oni analizis la jaragadon kaj oni prezentis la agad-planon por la kuranta jaro.

La asembleo konfirmis la samajn estraranojn krom ŝanĝo nur de la sekretario, kiu de nun estas prof. Jorge Cabrera. Je la fino de la kunsido, oni subskribis Rezolucion konfirmante ke AEL estas la nacia organizo por reprezenti kaj gvidi la E-agadon antaŭ UEA kaj la internacia E-movado kaj kunordigi la instruadon de E-o en la lando. Do, AEL daŭre aŭspicios privatajn kaj grupajn aktivadojn kiuj oni prezentos al ĝi kaj disvastigos ilin harmonie.

## Hispanlingva Raporto pri la Asembleo

*65ª Asamblea Anual de AEL en Buenos Aires. Sábado, 11 de febrero de 2006.*

*Como estaba anunciado tuvo lugar en la sede de Buenos Aires, la 65ª Asamblea Anual de AEL, organización del movimiento esperantista argentino.*

*La Asamblea se inició con la lectura de un mensaje especial del Presidente de UEA, Dr. Renato Corsetti, especialmente dirigido a la Asamblea y a los miembros del movimiento esperantista argentino.*

*Con informaciones sobre el estado actual del Movimiento en el país, se efectuó un análisis sobre lo realizado en el pasado año, puntualizando los temas que requerían aclaraciones, según el punto de vista de la Comisión y los participantes. Luego se esbozó una planificación general para el año entrante.*

*La Asamblea confirmó a la Comisión Directiva por un nuevo período, pero siendo designado como nuevo Secretario el Prof. Jorge Cabrera.*

*Terminando sus deliberaciones se firmó una resolución en la que se confirma a AEL como la organización que une y representa a todos los esperantistas del país ante UEA y el Movimiento mundial, para coordinar la acción en la difusión, enseñanza y uso del esperanto en Argentina. Por lo tanto resulta obvio que se requiere no solo unidad de fines, objetivos, sinó también acuerdos básicos en las estrategias comunes, pero sin coartar la libertad individual de cada esperantista para innovar o crear nuevas modalidades individuales o grupales con respecto a la difusión, enseñanza o uso del esperanto.*

*AEL seguirá de este modo auspiciando las iniciativas individuales o grupales que le sean presentadas para compartirlas en mutua colaboración.*

*Más información será oportunamente publicada. - [RoSar]*

## Mesaĝo de la prezidanto de UEA

Karaj argentinaj esperantistoj,

mi dankas vian sekretarion kaj prezidanton pro la invito sendi al via asembleo ĉi tiun malgrandan saluton. Ne estas tre simple skribi saluton, se oni ne volas limiĝi je la banalaj bondeziroj per iom kliŝaj frazoj. Diri ion sencohavan, aliflanke, ne estas io facila. Mi mem ne konas la situacion en Argentino, aŭ alivorte mi konas nur tion, kion la grandaj internaciaj novaĵ-agentejoj volas, ke mi konu. En ĉi tiu momento, kiam ne okazas tumultoj en Argentino kaj la situacio pliboniĝas, ili ne volas, ke mi sciu pri tio.

Mi ne konas precize la situacion de la Esperanto-organizaĵoj en Argentino, malgraŭ la abundaj komunikoj internaciaj de via sekretario Roberto Sartor.

Mi povas diri nur ion tre ĝeneralan.

1) Unue, mi diru, ke mi ne estas inter tiuj, kiuj diras, ke nun en la interreta tempo la landaj asocioj kaj la lokaj kluboj ne plu havas signifon.

Mi kredas, ke ili restas la ĉefaj organizantoj de la laboro por Esperanto, dum retaj listoj kaj ret-pordegoj provas transpreni la plej facilan parton de ilia laboro: informado kaj instruado al homoj, kiuj volas esti informataj kaj instruataj. Sed la landa asocio kaj la lokaj grupoj havas ankoraŭ ankaŭ la taskon informi al ĉiuj civitanoj (ĉu ili volas esti informataj aŭ ne), instrui al tiuj, kiuj bezonas homan instruiston por lerni la lingvon, kaj krei sentojn de solidareco kaj kunagado inter la parolantoj de Esperanto.

2) Due mi citu al vi el la statuto de UEA la 3-an artikolon:

"La celoj de UEA estas: (a) disvastigi la uzadon de la Internacia Lingvo Esperanto; (b) agadi por la solvo de la lingva problemo en internaciaj rilatoj kaj faciligi la internacian komunikadon; (c) plifaciligi la ĉiuspecajn spiritajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, malgraŭ diferencoj de nacieco, raso, sekso, religio, politiko aŭ lingvo; (ĉ) kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvi ĉe ili la komprenon kaj estimon por aliaj popoloj.

Tiuj estu ankaŭ la celoj de la argentina landa asocio de UEA.

3) Trie ni devas konvinkiĝi agi ekvilibre kaj tolereme. Ni bezonas ĉiajn agadojn: desubajn [informado kaj instruado al normalaj homoj], desuprajn [informado kaj traktado kun politikistoj kaj internaciaj instancoj] kaj deflankajn [sciencaj studoj por apogi la aliajn agadojn]. Neniu havas la ŝlosilon por la vero aŭ por la sola ebla maniero triumfigi Esperanton. Do, ni faru ĉion ekvilibre. Individuo rajtas pasie interesiĝi nur pri unu agad-speco, sed organizaĵoj (de la loka grupo supren) ne. Argentino, krome, laŭ mi, havas apartan taskon en Ameriko: helpi la ceterajn hispanlingvajn landojn de Suda Ameriko, kie la movado estas tre malforta kaj en kelkaj kazoj je la rando de neekzistado.

Pro ĉio ĉi mi vere esperas, kaj ne nur bondeziras, ke via asembleo estu sukcesa, kaj ke ĝi metu la bazon por la plua progreso de nia lingvo ne nur en Argentino sed ankaŭ ĉirkaŭ ĝi.

Sukceson!

*Renato Corsetti*
*Prezidanto de UEA*

# Amerike

## Lerni inerkulture ĉe NASK

La Nord-Amerika Somera Kursaro, [NASK], estas trisemajna intensa lernado de Esperanto por komencantoj ĝis akademianoj, internaciaj instruistaro kaj studentaro.

En 2006, de la 3-a ĝis la 21 de julio, NASK okazos denove ĉe la monde konata interkultura altlernejo *The School for International Training* en nord-orienta Usono, Brattleboro, Vermonto. La instruista skipo pretigas trinivelan studprogramon. Por pliaj informoj:
http://esperanto.org/nask/
aŭ skribu al la kunordiganto:
Ellen M. Eddy <eddyellen@aol.com>

*Esperanto, januaro 2006, p. 22*

# Profitu la lerneblecojn

## starigitajn en Urugvajo

Se vi volas facilan kurson en la hispana aliĝu al
<esperantokurso@gruposyahoo.com.ar>
per la kutima mesaĝo sen teksto al
<esperantokurso-subscribe@gruposyahoo.com.ar>. Tie vi povas preni la tekstojn en la hispana de la kurso de Argentina Instituto de Esperanto (Marcelo Casartelli).

Oni devas aliĝi tute senpage por partopreni la grupon (partopreni la forumon, preni arkivojn el la dosierujo, partopreni enketojn, ktp). Per tiu grupo oni povas preni la tutan kurson de Casartelli aŭ la rapidan kurson *"Tus encuentros con el Esperanto",* kaj eĉ sendi la respondojn de la lecionojn kaj ricevi la korektaĵojn per la forumo de ĉi tiu grupo.

Alia maniero por ricevi la lecionojn de la kurso de Casartelli, sendi la respondojn kaj ricevi la korektaĵojn kaj la novajn lecionojn, estas sendante retmesaĝon al mailto:
cursos@esperanto.org.uy.

Se oni volas fari alian rapidan kurson *"Tus encuentros con el Esperanto"*, oni povas sendi retmesaĝon al mailto:
ek-admin@adinet.com.uy.

*Renato Corsetti*
*<renato.corsetti@esperanto.org>*

# Usonaj E-asocio ŝanĝas la nomon de 'ELNA' al 'Esperanto-USA'

Esperanto-Ligo de Norda Ameriko (ELNA), la landa asocio de UEA en Usono, planas ŝanĝi sian nomon al Esperanto-USA. Unu kialo de la planata nomŝanĝo estas la fakto, ke ELNA efektive ne reprezentas esperantistojn el la tuto de norda Ameriko: ja en Kanado kaj Meksiko ekzistas aliaj landaj asocioj. Antaŭ kelkaj jaroj kiam la movado estas dividita en Usono, oni uzis ankaŭ la nomon "EANA" Esperanto Asocio Nord-Amerika", kiu poste unuiĝis en ELNA.

Kudromaŝinoj aŭ Esperanto? "ELNA" estas ĉefa "marko" de kudromaŝinoj en Usono. Do la diskuto pri la nomŝanĝo de ELNA komencis jam antaŭ du jaroj, eĉ se multaj opiniis ke la problemoj de ELNA ne temis pri sia nomo.

Ĉe la Landa Kongreso en 2005, oni balotis ĉu oni ŝanĝu la nomon kaj al kio. La rezulto estis ke oni jes ŝanĝu la nomon kaj ke "Esperanto-USA" estu la elekto - ĝi estos la sama kaj en Esperanto kaj en la angla. La proponata nomŝanĝo estis kritikata sed nur ĉar "USA" nenion signifas en Esperanto, eĉ se ĉiuj komprenas ĝin.

Verŝajne *Esperanto-USA* restos eĉ jure oficiale adoptita en venonta landa kongreso de la asocio en julio 2006.-

*RoSar*

**I n t e r n a c i e**

# Bonaj Novaĵoj pri UEA

Ni komencu la novan jaron per bonaj novaĵoj. La statistiko de la 31-a de decembro montras, ke en tiu tago UEA havis 6083 individuajn membrojn, kio superas per 227 la definitivan nombron (5856) en la antaŭa jaro. En la aprila numero de "Esperanto" aperos laŭlanda

membrostatistiko, kiun mi kompilos komence de marto. Ĝis tiam ankoraŭ venos iom da malfruaj kotizpagoj por 2005, tiel ke la definitiva nombro verŝajne estos ĉ. 6100 kaj la kresko ĉ. 250.

Ankaŭ la aligitaj membroj plimultiĝis en 2005. Estis 12253 aligitaj membroj, kio signifas kreskon de 105 kompare kun 2004, kiam ili nombris 12148. Depende de la fina nombro de individuaj membroj, la suma membro-nombro de UEA en 2005 estas ĉ. 18350. En 2004 ĝi estis 18004.

En 2005 la membraro de UEA kreskis por tria sinsekva jaro. Espereble la kresko plu daŭros. Almenaŭ la komenco estas esperiga, ĉar ĝis la fino de 2005 la Centra Oficejo, [CO], registris jam 1980 individuajn membrojn por 2006.

Fine de 2004 tiu nombro por 2005 estis 1768, tiel ke jam ĉe la starto ni avancas je 212 membroj kompare kun la antaŭa jaro. Iom fidindajn prognozojn pri membrara evoluo eblos tamen fari plej frue en marto-aprilo. Dependos ankaŭ de vi, komitatanoj, ke post unu jaro ni denove saldos la membro-statistikon pozitive.

*Osmo Buller*

*Ĝenerala Direktoro de UEA-CO [NL]*

# Amiko de Esperanto prezidos Unuiĝintajn Naciojn

Jena informero aperis en NUN ttt-ejo:

"Amiko de Esperanto prezidos UN. La 1-an de septembro la sveda diplomato Jan Eliasson posteniĝos kiel prezidanto de la Ĝenerala Asembleo de UN dum unu jaro. En la jaro 2003 lia nomo troviĝas inter la membroj de la Honora Komitato de la 88-a Universala Kongreso de Esperanto en Gotenburgo, Svedio. Jan Eliasson NE estas esperantisto, sed akceptinte esti en la Honora Komitato, li montris sian simpation al la ideoj de la esperantistoj.

Ĉu io raportinda? Informu en NUN: www.esperanto.se/nun/.

*Raportis: Franko Luin* inko@algonet.se

# 37-a Internacia Infana Kongreseto en Italio

29-a de julio / 5-a de aŭgusto 2006

*INFORMITALE 61- [Oficiala inform-servo de Itala Esperanto-Federacio]*

Okaze de la venonta Universala Kongreso en Firenze estas organizata por la infanoj la 37-a Internacia Infana Kongreseto. Ĝi okazos en Prato, [IT], samtempe de la Universala Kongreso.

Ĉe la jenaj ttt-paĝoj eblas akiri kromajn informojn pri la okazaĵo
http://bertosch.free.fr/iik2006
Leonardo Pampaloni,
via Cironi 15, 59100 Prato
0574 604100
pampal@freemail.it
Pliaj informoj pri la UK ĉe:
www.ukflorenco2006.it
Aŭ <uk2006.informoj@esperanto.it>.

*f.amerio@libero.it*

# Reta delegitiĝo ĉe UEA

"Ĉefdelegitoj, kiuj atente sekvis la evoluon de la nombro de delegitoj de UEA, rimarkis, ke ĝi havis malĝustan direkton. La nombro daŭre malkreskis.

Ni donu pli da atento al varbado de novaj delegitoj. Nun tio estas pli facila: tiu, kiu volas esti delegito, povas nun plenigi retan respondilon, kiu poste aŭtomate iras rete al la ĉefdelegito kaj al la direktoro.

Sube vi povas legi komunikon pri tiu afero. Kiam ĉefdelegito ricevas retan respondilon, li/ŝi rajtas elekti inter du eblecoj: surpaperigi la respondilon kaj noti sur ĝi sian (mal)aprobon kaj sendi la

(1) respondilon al la Centra Oficejo [CO], aŭ
(2) nur informi min per papera letero aŭ retmesaĝo pri sia (mal)aprobo; tiukaze mi surpaperigos la respondilon por la arkivo de la CO.

La retan respondilon povas uzi nur tiuj individuaj membroj, kiuj registriĝis kiel uzantoj de la reta Jarlibro. Kiam vi ricevas tian respondilon, vi povas esti certa, ke ĝi venas de individua membro kaj ke tiu membro mem sendis ĝin.

Laŭ la spertoj ni evoluigos la retan respondilon. Mi esperas, ke ne estas gravaj problemoj. Antaŭ ĉio mi esperas, ke estos pli da delegitoj.

Kun amikaj salutoj,

*Osmo Buller*
*Ĝenerala Direktoro de UEA-CO*

## Delegitiĝo nun eblas ankaŭ rete

La Delegita Reto estas unu el la plej famaj kaj tradici-riĉaj servoj de UEA. Jarlibro 2005 havis la adresojn de 1784 delegitoj. Intertempe la nombro kreskis kaj meze de januaro estis registritaj precize 1800 delegitoj. Aktualajn informojn pri la delegitaro oni trovas en la reta Jarlibro ĉe http://reto.uea.org/, kiun UEA lanĉis en aprilo 2005. Individuaj membroj povas registriĝi kiel ĝiaj uzantoj ĉe tiu adreso, elektante unue salutvorton kaj pasvorton. En la reta Jarlibro eblas facile serĉi delegitojn tra la tuta mondo kaj fakdelegitojn laŭ iliaj fakoj. Oni trovas iliajn poŝtajn adresojn kaj al tiuj delegitoj, kiuj havas retadreson, oni povas rekte sendi retmesaĝon, tamen ne vidante la retadreson de la ricevanto.

Ĉu ankaŭ vi mem volas fariĝi delegito de UEA, se vi ne jam estas?

Uzantoj de la reta Jarlibro povas nun fari tion rete, plenigante retan respondilon en ĝia submenuo "Delegita Reto". La respondilo iras aŭtomate al la ĉefdelegito, se tiu estas en la lando, kaj al la Centra Oficjeo. Post aprobo de la ĉefdelegito kaj la direktoro de UEA, informoj pri la novaj delegitoj estas konsulteblaj en la reta Jarlibro, dum antaŭe la delegitecoj povis efektive ekfunkcii nur, kiam aperis la presita Jarlibro.

Tiuj, kiuj ne registriĝis kiel uzantoj de la reta Jarlibro sed tamen volus fariĝi delegitoj, povas elŝuti paperan respondilon ĉe
http://uea.org/agadoj/dr.html kaj post plenigo sendi ĝin al sia ĉefdelegito aŭ, se en la lando mankas ĉefdelegito, al la Centra Oficejo. Krome, ĉefdelegitoj kaj la CO volonte sendas presitan respondilon al ĉiuj interesitoj.

## E–Disvastigo

♦ **Trafaj respondoj**

Por refuti stultajn argumentojn kontraŭ la esperantista movado, ofte sufiĉas konciza repliko. Ekzemple:
- Kion vi opinias pri la papo Johano Paŭlo la 2-a? - Bone, li flegis kaj favoris Esperanton.

Kelkaj uloj argumentas: Se Esperanto estus tia miriga lingvo, kiel eblas ke la homaro ne estus akceptita ĝin post pli lo cent jaroj? – Al tiuj ni replikas: Kiel vi taksas la decimalan sistemon? – Bone, en Francio oni enkondukis ĝin antaŭ pli lo ducent jaroj.

## Madonoj

Mi estas pensirajta viro kaj kolektas Roman-Katolikan kaj Orient-Ortodoksajn bildkartojn rilate al la Kara Dipatrino = (Maria + la Infaneto). Kiu estas preta helpi min?
Skribu al:
Hubert Magis
Zeelputten, 4
BL-2200 Herentals
Belgio

Tamen en nacioj, kiujn ni konsideras la plej progresemaj, oni uzas ankoraŭ "inches", "feet", "miles" ktp. – Oni do bezonas tempon kaj paciencon por venki la homajn obstinon kaj stultecon.

*D-ro Werner Schad*
*San Carlos de Bariloche*

### ♦ Ĉu interesas al vi disvastigi Esperanton?

Por helpi la disvastigon de Esperanto en Usono, kaj ankaŭ al ĉiuj homoj kiu komprenas la anglan aŭ la hispanan, mi decidis verki librojn. Unue mi verkos libron en la angla, due en la hispana, kaj trie en Esperanto.

La libroj temas pri Esperanto-uzado. Kion oni faris aŭ profitis, kiu ne eblis sen la scio de Esperanto.

La libroj ne temas pri esperanta alfabeto, gramatiko, movado, renkontiĝoj, kongresoj, teorio pri la taŭgeco de Esperanto, paco, aliaj planitaj lingvoj. Mi petas vin, bonvolu sendi al mi rakonton pri kiel vi profitis per via scio de Esperanto.

Bonvolu helpi per sendado de rakontoj.

Se vi ne povas rigardi retpaĝojn, skribu al mi kaj mi sendos la dosierojn al vi. Antaŭdankas kaj salutas vin,

*Enrique Ellemberg*
*Ret-poŝto: Enrike@aol.com*
*Fremont, Kalifornio, Usono*

### ♦ Ni kultivu apogantojn!

Inter tiuj, kiuj sin okupas pri Esperanto, konvenas distingi malsamajn kategoriojn. La plej valoraj kaj seriozaj esperantistoj agadas tiel ĉar ili plene komprenas la idealisman kaj intelektan valoron de nia lingvo. Sed aliaj sin dediĉas al Esperanto por amuziĝi per flanka ŝatokupo, por kontakti interesajn homojn (ĉar ni estas tiaj!), por vojaĝi malmultekoste, eĉ por trovi inteligentan edz (in) on aŭ amparteneron. Ĉiuj, kiuj ial, iel (sed pozitive!) sin okupas pri nia afero, estu bonvenaj!

Tamen konvenas taksi ilin ĝuste. La ĉi-supre unue nomataj estas tiuj, kiuj vere laboras, penas, strebas antaŭenigi nian movadon, ties lingvon kaj idealon. Oni povas inviti la aliajn kategoriojn helpi (iomete almenaŭ), partopreni (kelfoje almenaŭ). Sed oni ne insistu tro postuleme por ne fortimigi ilin. Ĉar nia nombro ankoraŭ ne estas sufiĉe granda por atingi la sendube atingotan celon.

Tial ni ĝentile flegu helpantojn, apogantojn kaj tiujn kiuj nur volas profiti praktikajn avantaĵojn de nia lingva juvelo.

*D-ro Werner Schad*
*San Carlos de Bariloche*

## El la Leterkesto

### ▪ Córdoba [AR] Argentina Instituto de Esperanto

"Estimata...:
Mi gratulas vin pro la dekjara datreveno de *"Argentina E-Vento"*, kaj pro la sukcesoj atingitaj malgraŭ tiom da malfacilaĵoj, kiujn devas alfronti nia lando kaj nia modesta komunumo.
La nombro de ekzempleroj (130) estas grava datumo, ĉar tio montras signifan kreskon en la nombro de geesperantistoj en Argentino. Mi esperas ke, dum la proksimaj jaroj, tiu nombro duobliĝos".

*D-ro Marcelo Casartelli*

### ▪ Neuquén [AR] Kontribuon kaj gratulon!

"Mi informas al vi pri depono de [monkontribuo ĉe bank-konto]. Rilate al *Argentina E-Vento*, mi gratulas vin, kaj ĉiujn kunlaborantojn pro ĝia daŭra plibonigo, plibeligo, ĉefe rimarkinda je la lasta numero"

*Rodolfo Calógero*

*[daŭrigo sur p. 12]* **=>**

# Anuncios

## AEL necesita su adhesión

Si Ud. desea abonar su adhesión o colaborar con las tareas de AEL envíe su donación mediante depósito en Banco Francés, sin costo, cuenta N° 147-005789/3, a nombre de
Alcides Pieter Wentinck
DNI 93.709.394
Calle Libertad 3226
B1602DJD Florida - Vicente López
Buenos Aires
y luego indefectiblemente informe sobre dicha operación a:
<wanelec@sion.com>

Si desea colaborar con la edición y distribución de la revista ***Argentina E-Vento*** también puede enviar su contribución mediante el "Banco Patagonia", depositando su aporte en "Caja de Ahorro" suc. 110, Sáenz Peña, cuenta N° 394101439, del Sr. Oscar C. Monge, [sólo se descontará $4,84 como gasto bancario por depósito].

Rogamos informar sobre su operación a esta redacción: <rubendiaconu@yahoo.com.ar>.

## Agradecimientos

Por las adhesiones y colaboraciones recibidas AEL agradece a:
R. Calógero, W. Schad, NN,
L. Barth, C. Prudkin, A. Valle,
D. Romero, J. Cabrera, NN,
S. Rottenberg, M. Casartelli,
A. Wentinck, N. Monasterio.

## AEL Jarkotizo

Individua Membro:..........$ 20,00
Junulo kaj Emerito:..........$ 10,00
Virtuala Membro
-kaj donacoj-: .................. laŭvole

## Libroservo

Para obtener material impreso en y/o sobre esperanto consulte al Libroservo de AEL. Visite nuestra página Web ó escriba a:

René Arce
9 de Julio 1586
X5000 Córdoba

## Ni ricevis

La Redakcio kore dankas pro jenaj E-ricevaĵoj: Esperanto [NL], Heroldo de Esperanto [CH], La KancerKliniko [FR], Avanco [CU], La Espero [SE], Bazaro [RO], Antaŭen [ES].

Se via sendo ne aperas Bv. informi al la Redakcio. Vd. p. 2



Glumarkoj (4 x 5cm) por venotjara UK jam pretas. 12-peca folio kostas: eŭro 1,20. Triona rabado ekde tri folioj. Mendebla ĉe la Libroservo de UEA aŭ ĉe la redaktejo de Argentina E-Vento.

<= *[daŭrigo de p. 10]*

**La Habana [CU]**
**Ni ricevis...**

"Mi estas Julián Hernández, prezidanto de Kuba E-Asocio kaj mi kontaktas vin por deziri feliĉan novan jaron kaj por informi ke KEA en ordo ricevis la jaran kolekton de la revuo *Argentina E-Vento*. Ni tre dankas vin pro la sendo kaj ni esprimas ke ni metos tiujn revuojn je la dispono de nia esperantistaro tiel ke ĉiuj legu ties bonan enhavon. Ĝis revido".

*Julián Hernández*
*Prezidanto de*
***Kuba Esperanto-Asocio***

**Ni ricevis...** *[Plurloke]*

Pli malpli similajn mesaĝojn kun bondeziroj kaj pri AE-Vento, ni ricevis el: Asunciono [PY], Montevideo [UY], Brasilio [BR], Rotterdamo kaj Den Haago [NL], Braŝovo [RO], Kopenhago [DK], Vieno [AT]. Koran dankon al ĉiuj!

**Herentals [BL]**
**...kun neordinara peto**

"Mi... turnas min al vi esperplena kun neordinara peto. Koncernas la jeno:
Dum la komenco de nia geedzeco – antaŭ kvardek jaroj, ni perdis du infanojn. Estis drameca periodo, certe por mia edzino tiutempe mi senhalte preĝis ĝis la animtrankvilo. La ŝanĝo venis por ni kiam adoptis dek jaroj pli malfrue naŭtagan knabineton kaj tiamaniere ni fine tamen feliĉiĝis, ĉar nia filineto fariĝis medicina sekretariino kaj elkreskis ĝis bela kaj bona virino. Kaŭze de ĉitiu mirakla turnpunkto mi poste komencis kolekti bildkartojn el Romankatolikaj kaj Orienkatolikaj landoj rilate al la Madono (= la Kara Dipatrino + la Dia Infaneto) sed domaĝe, estas malfacilega por mi akiri eksterlandajn bildkartojn. Sen helpo tio ĉi eĉ ne estas eble kaj pro tio mi nun simple demandas al vi ĉu ne estas eble publikigi la ĉi suban anonceton en via organo: *"Argentina E-Vento"*. Dankema," *[Vidu p.9]*

*Hubert Magis*

**Belo Horizonte [BR]**
**Salutkarto**

"Karaj AEL-anoj, deziras Ĝojan Kristnaskon kaj Feliĉan Novjaron, via samideano,"

*Helio F. Aderne,*
*Brazila Kuracista E-Rondo,*
*Belo Horizonte*

---

**Redakcio de Argentina E-Ligo:** Calles 119 y 122, AR-H3700FTT Pres.R. Sáenz Peña, Argentino

**AL**

